FEDERACION · ESPERANTISTA · ESPAÑOLA · H E F

Año III (N.° 25)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 1

ENERO 1951

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# PLANES Y PERSPECTIVAS

**Nuestra actuación en pro del Esperanto en España ha alcanzado, al comenzar este año, una etapa decisiva en su marcha ascendente. Tres años seguidos de incansable labor lleva ya nuestra Federación; y, con el presente número, las alegres páginas volanderas de nuestro Boletín inician también, con renovado brio, su tercer año de vida y optimismo llevando en su cubierta, como cimera triunfal, el verde color de la esperanza. Y si volvemos atrás la mirada, es tan solo para hacer el balance de nuestras actividades, como un resumen de nuestras experiencias, a fin de calcular, con mayor seguridad, el impulso que podemos dar a todos nuestros esfuerzos para que rindan mejores y más positivos resultados siempre mirando hacia delante.**

**Por eso, oteando perspectivas que llegan en su lejanía, más allá del Oceano, hasta las tierras fraternas de América, donde tantos y tan buenos amigos, conservando el orgullo de hablar como propio, igual que nosotros, el rico idioma de Cervantes, divulgan y defienden nuestros mismos conceptos, procede hacer un recuento de todos los elementos disponibles —y dispuestos— para las nuevas campañas de propaganda y enseñanza. El próximo Congreso nacional en Tarrasa será esencialmente eso: el encuentro físico y tangible de personas que, espiritualmente, ya se habían encontrado desde puntos muy distintos, sobre el palenque de una lucha incruenta, pero muy obstinada, en defensa del difícil fácil principio de que en todo el mundo, junto al propio de cada país, haya un segundo lenguaje, común para todos, neutral, expresivo y fácil.**

**Así pues, el Congreso de Tarrasa, primer Congreso esperantista español de la postguerra, debe ser el espaldarazo dado a nuestra marcha inicial para infundir a nuestro noble postulado un ritmo de velocidad y un tono de seriedad que nos permita ser considerados, hasta por los más escépticos, como fieles depositarios de la única forma viable de llegar a la ansiada comprensión entre los pueblos, no solo en el orden puramente técnico de la lingüística, sinó en otros más sútiles y delicados que nacen, precisamente, con la confianza que dá el trato. Y, para el trato directo, con gente desconocedora del idioma nacional de cada uno, creemos que nadie querrá convencernos que basta con chapurrear unas cuantas palabras extranjeras, mal aprendidas y peor pronunciadas, haciendo muecas y visajes adornados con manoteos y ademanes más o menos risibles y grotescos. Por lo tanto, por amor y cariño al nuestro, y por respeto a los demás idiomas cultos del mundo entero, seamos todos nosotros entusiastas paladines, convencidos de nuestra razón, en el loable empeño de lograr, durante el año que empieza, una progresión triunfante del idioma auxiliar internacional Esperanto, a través de ciudades y pueblos, en toda la vasta amplitud del solar patrio.**

**Kiel vigla heroldo de frua printempo, la verda koloro de la eterna espero brilas nun sur la fronto de nia gazeto, por fari videbla la forton de nia entuziasmo, en aklamo fervora per krio decida, dum regado de la nova jaro, kiun firme ni eniras!**



# ESPERANTO EN LA AMSTERDAMA UNIVERSITATO

## LA UNUA LEKCIO

Merkrede, la 15an de novembro, mr. S. Pragano komencis sian Esperantokurson en la Universitato, kiel asistanto de prof. dro. Valkhoff por la romanaj lingvoj. Ĉi tiu kurso, partoprenebla por studentoj de ĉiuj fakultatoj, ne jam estas oficiala fako, sed nur libera kurso en la administracia kadro de la Universitato. Tio signifas, ke ĝi ne formas oficialan parton de la studo. Espereble tiu ĉi unua paŝo tamen baldaŭ kondukos Esperanton al la stato de oficiala kromfako, kaj sekve igos la studon pli alloga, ĉar tiam ĝi havos oficialan valoron por la studo.

Mr. Pragano malfermis sian kurson per la vortoj, ke li ne sen emocio komencas sian laboron, kiel docento de Esperanto, ĉar tiu ĉi universitata kurso estas grava paŝo en la evoluo. Li parolis ĝenerale pri la ideo de lingvo internacia kaj pli speciale pri la rolo de Esperanto. Li finis sian enkondukon citante la vortojn de prof. Meillet: «Ĉiu teoriumado nun estas vana. Esperanto funkcias!»

Post tio, li prezentis kelkajn ĝeneralajn aspektojn de la lingva sistemo de Esperanto: la rolon de la afiksoj, la simplecon de la gramatiko kaj komparis Esperanton kun la naciaj lingvoj. Mr. Pragano aludis ankaŭ la literaturan uzon kaj, per voĉlegado de poemo, li donis impreson pri la belsoneco de la lingvo. En la fino li tuŝis la iaman raporton de la Ligo de Nacioj kaj ĝian sorton, pro la kontraŭagado de la francaj diplomatoj. Sprite li aldonis: «Esperanto tamen transvivis la Ligon de Nacioj, tio estu averto por UNO.»

Laŭ niaj lastaj informoj, pli ol tridek studentoj nun partoprenas la kurson. Atentu al tio, ke tiu ĉi studo ankoraŭ ne estas oficiale rekonata kaj, sekve, estas konsiderata de la studentoj nur kiel pliigo de ilia jam ampleksa studotasko, tiu ĉi nombro estas tre esperiga kaj povas esti nomata granda sukceso.

Al la fervoruloj sur tiu ĉi tereno, precipe al s-ro. Pragano, ni deziras multe da sukceso kaj la kronon sur ilia laboro per oficialigo de Esperanto, kiel kromfako en la literatura fakultato. W. F. K.

*(El nederlanda «Laborista Esperantisto»)*

# ĈU, NE UTILA RIMEDO?

Plian fojon, en la sojlo de nova jaro, mi pretas komuniki al vi plej elstarajn lokajn okazintaĵojn de la jaro, kiu ĵus finiĝis. Sciu unue, ke la ideo prepari la medion por organizi kursojn estas por ni la ĉefa afero. Ni tre bone komprenas, ke instrui estas semi; kaj ju pli abunda kaj organizata semado, des pli riĉa kaj fruktodona rikolto. Malgraŭ tio, ke ni konsideras nin kiel ĉiamajn lernantojn, preskaŭ sen scio eĉ pri hispana gramatiko, ni tamen firme kredas, ke dank' al nia obstina volo, ni sukcesos disvastigi inter aliaj amikoj nian karan lingvon. Al tio helpos jena vera historio: Bona amiko mia, ĉar lia patro estis grave malsana, bezonis kuracilon, kiu, laŭ opinio de la kuracisto, ne estas akirebla en nia lando. Li diris al mia amiko, ĉu oni povas perletere serĉi ĝin en Francio, ĉar kvankam temas pri germana produkto, ŝajne ĝi estas trovebla en la franca merkato. Mi rapidis skribi al mia franca korespondanto, kiu siavice serĉis... serĉadis; kaj ne trovante ĝin, li sendis al mi la adreson de sia germana korespondanto, kiu certe —tion li diris— tre volonte akceptos la komision. Efektive, post kelktaga atendado, mi ricevis la tiom bezonatan medikamenton fare de la germana samideano. Mia ĝojo estis senlima, ankoraŭ pli pro tio, ke mia amiko apartenas al la vicoj de niaj kontraŭuloj kaj primokantoj, kiujn oni devas konvinki tiel: per faktoj! La aŭtoritatuloj de la urbo, famaj kuracistoj, la farmaciistoj kaj konsiderinda nombro el la tuta loĝantaro miris pri nia ago. Jes, Esperanto utilis kaj venkis ĉe niaj malamikoj! Tiun ĉi ŝancon mi volas profiti por atingi de la urba hierarĥio la pruntedonon de senokupa ĉambreto ĉe la sindikatejo. Kompreneble, ĝi taŭgos por la kursoj...

Kaj nenion pli, karaj samideanoj: ni estas tre kontentaj rilate redaktadon de nia Bulteno kaj organizadon de nia Federacio.

Sukceson al nia XIIa Kongreso!

**LOPEZ SERNA**
**Callosa de Segura (Alicante)**

*NOTA.—Aunque este trabajo lo publicamos en Esperanto, tal como lo hemos recibido, consideramos muy interesante, por la índole de su contenido, que se traduzca y se dé a conocer a la mayor cantidad de gente, a fin de que puedan apreciarse las ventajas prácticas que nuestro idioma internacional puede también proporcionar a todos los que lo conocen.*

# HISPANA KRONIKO

**Jen nova rubriko, kiu certe estos agrabla al niaj legantoj. Sed, por efika rezulto, nepre ni bezonas la kunlaboron de tiuj amikoj, kiuj dise, tra plej diversaj urboj de nia lando, klopodas kaj laboras por Esperanto. Ni esperas ricevi, do, multe da materialo por adekvate prizorgi la fakon, kiu nun ekfunkcias, kaj montri eksterlande niajn lastajn progresojn.**

VALENCIO.—La 15an de Decembro, la urba esperantistaro festis la tagon de D-ro Zamenhof per komuna vespermanĝo en centra restoracio. Dum la tuta daŭro regis plej sincera kunfrateco. En la momento de la tostoj, oni diris belajn vortojn, el kiuj meritas apartan mencion tiuj de estimata D-ro Herrero, kiel broĉo por la festeto kaj instigo al kunlaboro, pri la ĵus fondita Valencia Sekcio de nia Federacio.

Okaze de la «Tago por la Libro Esperantista», nia amiko kaj samideano García Rigal aranĝis, en la montrofenestro de sia grava librovendejo, ekpozicion de plej belaj libroj eldonitaj en nia lingvo. Portreto de Zamenhof kaj verda bela flago arte dekoris la bonegan aranĝon, kiu vekis grandan favoran intereson ĉe la rigardantoj.

Dimanĉe, 17an, posttagmeze, oni denove kunvenis por lunĉo, en la granda salono de la grava Societo "Montepío de la Dependencia Mercantil", por celebri la fermon de elementa kurso, kiun sukcesplene klarigis dum pasinta aŭtuno nia kompetenta samideano L. Hernández. Ĉeestis, krom gelernantoj kaj gefamilianoj, amaso da veteranoj kaj estraranoj de la Federacio. Honoran seĝon okupis S-ro Soler Valls, malnova pioniro kaj "instruinto de instruantoj", kiel prave oni lin alnomis. S-ro Soler, per klara voĉo kaj fluaj paroloj, admonis ĉiujn iri senhalte la vojon celitan. Fine, por pruvi la rapidecon per kiu oni povas kapti la meĥanismon de Esperanto, junaj gelernantoj —S-ro Devís kaj F-no Rubio— sin turnis al la vasta ĉeestantaro per bele improvizitaj salutvortoj en tiu lingvo mem, kiun ili ĵus lernis. La kunveno daŭris kaj finiĝis meze de granda entuziasmo! Por la dua semajno de Januaro, oni anoncas jam du samtempajn kursojn en la sama Societo: unu por komencantoj, sub gvido de D-ro Tudela, kaj alian por progresantoj, kun praktikaj temoj per skribaj aŭ parolaj ekzercoj, sub gvido de S-ro Hernández. La tuta Valencia esperantistaro asertas do tre serioze, ke la movon oni povas pruvi nur per movo!

**JAIME JUAN FORNE**

# INTERLINGVA PARALELO

## ORIGINALO

**La palmera es el árbol del Oriente. Yergue su penacho metálico, peinado por los vientos del desierto, sobre los pozos bíblicos en que aplacan su sed las caravanas de los nómadas; se mece perezosamente sobre las rutas que conducen a la Tierra Prometida; señala el camino que siguieron todas las grandes migraciones semíticas; ofrece alimento a los hambrientos, refugio a los caminantes y palmas para los vencedores.**

*De una crónica del periodista valenciano J. Ombuena*

## TRADUKO

La palmo estas la arbo de Oriento. Ĝi svingas sian kvazaŭ-metalan hararon, kombitan de la ventoj el dezerto, super la bibliaj putoj, kie estingas sian soifon la karavanoj de nomadoj; ĝi malvigle sin lulas super la irejoj, kiuj kondukas al la Promesita Lando; ĝi signas la vojon, kiun sekvis ĉiuj grandaj semidaj migradoj; ĝi donas nutron al la malsatantoj, rifuĝon al la vojirantoj kaj branĉojn por la venkantoj.

*El kroniko de valencia gazetisto J. Ombuena*

Verda steleto, ĉe jako de samideano, devas esti digna komplemento de lia esperantisteco; sed, plej efika propagando estu ĉiam nia korekta scio de la lingvo aŭ nia senlaca preteco instruadi ĝin al ĉiuj. Nia kara idealo bezonas nun aktivajn fervorojn kaj pozitivajn laborojn, ekster ĉia banala diletantismo. Multe pli utilaj estas tiuj modestaj kaj tamen sindonaj geamikoj, kiuj fakte garantias la ekziston de Esperanto, gaje oferante malavare la riĉan trezoron de siaj plej valoraj horoj, en elementaj kursoj aŭ en organizaj taskoj, ol tiuj, kiuj sin garnas per la kvinpinta insigno, ŝajne nur por naive vanti pri scio de io, fremda por aliaj...

D-rino Wanda Zamenhof

# REMEMOROJ

(Represo el la decembra kajero de ESPERANTO, la oficiala organo de U. E. A.)

Petite de la Helpredaktoro, mi volonte skribas kelkajn memoraĵojn pri la Majstro. Lia vivo, dank' al multaj biografioj —precipe la *Vivo de Zamenhof* de E. Privat— estas ja bone konata al ĉiuj esperantistoj. Do mi intencas nur alĵeti kelkajn tute privatajn rememorojn, el miaj personaj impresoj, pri mia bopatro el la tempo de mia infaneco, kiam mi ne imagis ankoraŭ, ke mi estos ligita kun li per parencaj rilatoj.

Mia patro estis kolego de la Majstro en gimnazio, poste en universitato, kaj ili estis ambaŭ grandaj amikoj. Niaj du familioj ofte vizitis unu la alian; pro tio mi rememoras D-ron Zamenhof jam de miaj junaj jaroj, kaj tia li restis en mia memoro.

* * *

Jam en mia infaneco, lia persono profunde impresis min per sia granda kaj sincera modesteco. En la rondo de miaj parencoj kaj konatoj, ĉiuj parolis pri li kiel pri geniulo. Mi ofte aŭdis pri liaj grandaj sukcesoj dum la internaciaj kongresoj en malproksimaj landoj, kie li estis superŝutata per multegaj grandaj honoroj; tamen neniam mi rimarkis en li eĉ postsignon de ia fiereco; kontraŭe, ĉiam li mirigis kaj kaptis ĉiun per sia modesta sinteno. Mi bone memoras ke mia infana fantazio malfacile asociis la grandan faman homon kun la modesta doktoro, kiun mi bone konis kaj profunde ŝatis.

* * *

En la familio Zamenhof ekzistis tradicio de sabataj vesperoj, kiam kunvenis ĉiuj fratoj kaj fratinoj kun liaj familianoj. Ankaŭ mi estis invitata kun miaj gepatroj. La Majstro ĉiam ĉeestis, kvankam li estis tre laca, post la tuttaga kuracista laboro, kaj lin atendis post la foriro de la gastoj ankoraŭ nokta laboro por lia kara Esperanto. Tiuj vesperoj estis tre bruemaj; la pliaĝaj babilis, ridis, la infanoj laŭte amuzis sin. La Majstro kutime sidis en ia angulo de la salono kaj mallaŭte interparolis pri diversaj gravaj aferoj (medicino, filozofio k.t.p.) aŭ promenadis tien kaj reen, kun manoj laŭ sia kutima maniero kunplektitaj post la dorso. Iafoje sed malofte, li ludis kartojn; tiu kartludo nomiĝis "okulo". Li ludis tre trankvile, neniam ekscitiĝis.

Mi bone rememoras unu el tiuj kunvenoj. Mi traveturis kun miaj gepatroj Dresdenon, tuj post la Internacia Kongreso. Mi neniam poste estis en Dresdeno, kaj ĝi restis en mia memoro kiel "Verda" urbo. La impreso estis grandega. Preskaŭ en ĉiuj magazenoj grandaj portretoj de la Majstro, ĉie verdaj flagoj, verdaj steloj; en restoracioj, en kafejoj la kelneroj kun verdaj steletoj; tie kaj ree oni aŭdis konversaciojn pri la okazinta kongreso, pri la genia aŭtoro de Esperanto. Mi estis ravata kaj fiera, ke tiu fama homo estas mia bona konato kaj amiko, kaj kun granda malpacienco atendis la sabatan familian vesperon, por vidi lin post tiuj triumfoj. Kia estis mia surprizo, kiam mi vidis lin kiel kutime sidantan modeste en angulo, babilantan mallaŭte kun sia frato Aleksandro.

* * *

Kiel malgranda knabino, mi havis ian okulmalsanon, kaj mia patro venigis min al la "bona doktoro". Mi estis forte timigita, kiam mi estis en la atendejo inter multaj malsanuloj. kun granda korpremo mi eniris en la kabineton, sed kiam la Doktoro afable alparolis min, kiam mi rigardis en liajn tiel mildajn okulojn, mia timo malaperis; mi permesis esplori miajn okulojn kaj kvankam la enverŝitaj gutoj estis tre doloriga j, mi sidis tute trankvile kaj sentis min feliĉa, kiam la Majstro laŭdis min pro mia brava sinteno. Eble en tiu momento, mi decidis fariĝi okulkuracisto same kiel li.

* * *

Okazas ofte, ke homoj, kiuj laboras por la tuta homaro, estas en sia privata vivo malbonaj familianoj. La Majstro sciis kunigi la amon por la mondo kun profunda sento por sia familio. Li estis bona edzo, sentema patro, ŝatis treege siajn filon kaj filinojn. Kiam Adamo kaj Sofio estis infanoj, kaj poste gimnazianoj, kaj Lidia ankoraŭ malgranda knabineto, sinjorino Zamenhof kutimis pasigi la someron en vilaĝo Miedreŝin proksime de Varsovio. La Majstro venis tien ĉiun dimanĉon kaj dediĉis la tutan tagon al sia familio, por promeni kune en arbaro aŭ sidi en ĝardeno antaŭ la domo, en kuŝseĝo.

Mi rememoras la bongustan torton kun fragoj kaj freŝa kremo, hejman specialaĵon, per kiu la afabla sinjorino Zamenhof gastigis la multnombran junularon, kuniĝintan en ŝia domo. La Majstro ofte sidis inter ni kaj ŝatis aŭskulti niajn malgrandajn zorgojn. Kun serioza mieno, li konsultadis nin kaj diskutis kun ni. Li treege amis la junularon, ĉar lia animo ĉiam restis juna.

## ARBETO

Oni plantis junan arbon
en l' apuda ĝarden-korto.
Saluton! heroldo bela,
de la homa viva sorto.

Kiam la printempa suno
ekbrilos per nova flamo,
ĝiaj branĉoj verdiĝintaj
ekkrios:
—Venas la Amo!

Dum la pezaj somertagoj,
ĝi diros per sia floro,
ĉar Vi venkis en la vivo:
—Venas la Gloro!

Kaj kiam 'l' aŭtuna vento
kuros tra la ĝardenkorto
ĝiaj nudiĝintaj branĉoj
anoncos:
—Venas la Morto!

## MIGRANTA BIRDARO

Flustrado stranga frapas en l' orelo.
Mi levas kapon. Inter nuba klaro,
puŝata de mistera forto-pelo,
alflugas al la sud' anasbirdaro

Skribante grandan Vo'n en blua helo
la birdoj proksimiĝas al la monto,
pli kaj pli malgrandiĝas sur ĉielo...
Neniu restas jam sur horizonto.

Vidinte kiel ili fore flugas
nigrega nub' vualas la memoron
kaj la imagoj de l' pasinto plugas
per senkompata fero mian koron

Ve! la revita iluzio mia
forflugis ankaŭ, kvazaŭ l' anasaro.
Ho, la sezon' aŭtun' melankolia...
Sed manon mian premas iu karo

Kaj milda voĉ' —Esperu! al mi diras:
Alvenas jam la prema griza tempo,
la birdoj al la suda land' aliras;
sed ili ja revenos kun printempo.

**AMALIA NÚÑEZ DUBUS**
(Pamplona)

## IMPRESIONES

**Los Teólogos del Colegio Mayor de San Carlos Borromeo, de Salamanca, saludan a los esperantistas españoles.**

**Se nos han pedido nuestras impresiones sobre Esperanto. Con gusto las reproducimos para consuelo y aliento de cuantos trabajan por su propagación.**

**Ha sido un verdadero descubrimiento para nostros. Algo así como el hallazgo casual de una perla durante largo tiempo desconocida y que teníamos a la mano.**

**La sencillez de su gramática, con escasas reglas y ninguna excepción, lo hacen asequible a cualquier inteligencia, no más que mediana, en un espacio de tiempo ridículo por lo corto. Su diccionario es de ideas más que de palabras. Cada una de ellas asocia en nuestra mente todo un mundo que gira concéntrico por la vía sencilla de prefijos y sufijos.**

**Pronunciación fácil, sintaxis suelta y flexible, sencillez no superada en su contextura total, diafanidad del pensamiento, a través de sus palabras precisas, son otras características de la lengua del Dr. Zamenhof.**

**Hoy, dada la tendencia a la eliminación de fronteras y creciente intercambio cultural y comercial, no será vana la esperanza de ver, en el medio siglo que empieza, la era triunfal del Esperanto.**

**Así lo creemos, y desde este momento, ofrecemos a los esperantistas españoles nuestro interés y posible colaboración.**

**E. P. R. (Salamanca)**

## Pri "La vivanteco de Esperanto"

La opinio de D-ro Manders estas grava en ĉiu esperantlingva demando.

Mi ankaŭ kuraĝas aserti, ke por neesperantistaj okcidentaj eŭropanoj, **rekta** estas pli komprenebla vorto ol **senpera;** kaj **instrumento** aŭ **aparato,** pli ol **ilo.**

Sed mi pensas, ke japanaj aŭ ĉinaj esperantistoj eble malsame opinias, pro tio ke ili devus lerni du novajn (nenecesajn) radikojn.

Aliflanke; ĉu aparato, instrumento aŭ ilo estas sinonimoj (samsignifoj dirus japano)? **Ilo,** laŭ mia opinio, eble koincidas kun **pero** aŭ **rimedo;** sed estus finfine tre oportune demandi opinion de la orientanoj.

Ni ne forgesu, ke Esperanto celas tutmondecon, ne ja simplan eŭropecon... almenaŭ tia ŝajnis esti la opinio de la Majstro.

**EŬMA (Zaragozo)**

# INTER LA PROZ[O]

En la kermeso de la vivo, la karuselo de la tempo ne haltas en sia rondiro; ĝi turnas kaj turnas senĉese. Sed; kiam, post kompleta turno, reaperas denove la sama figuro de sama sezono, kun la sama blovo de varmo aŭ malvarmo, kiun antaŭe oni jam spertis, la homoj aldonas sen granda pripenso la ŝarĝon de unu plia jaro en la tornistron de la aĝo. Tamen, dum la frua etapo de la vivo, kiam la balasto estas ankoraŭ malpeza, oni revas avide pri la tago morgaŭa; kaj, se la sorĉa kranko, kiu gvidas la movon de la karuselo, estus libere ĉe la mano ludema de knabo, certe la turnado fariĝus freneza galopo, kiu senutile renversus tro multe da jaroj post jaroj, en tro vana persekuto sen ripozo al la efemera ĉarmo de nur kelkaj horoj, el nur kelkaj tagoj. Pro tio, kiam amaraj lecionoj de la propra sperto instruas, ke tiu fantazio nomata feliĉo ne estas facile kaptebla per la sola kaptilo de ardaj deziroj, en senbrida kurado, sed iel nur per kvieta dorloto de intimaj konvinkoj, oni emas al modera marŝo, kaj prefere oni ŝatus bremsi tiam la radojn de la karuselo... kvankam ja sciante, ke tio ne eblas. Kaj; ankoraŭ sub la impreso de ĉiu nova jaro, kiu venas kun helaj promesoj, oni tuj rimarkas ke ĝi jam forpasis por cedi lokon al alia novulo, kiu tiel same venos, kun ŝajna aŭreolo de iluzioj belaj, aŭ revoj tre puraj, kaj same foriros forfluge en la glutejon de l' pasinto lasante, kiel solajn postsignojn, disreviĝojn en la animo kaj dolorojn en la koro...

Ho, ho! Haltu... haltu do, almenaŭ, ĉi tiu karuselo de mia peza enkonduko! Nun mi ĵus rimarkas, ke mia novjara saluto fariĝis enua kaj teda, anstataŭ lirika kaj verva, en omaĝo, precipe, al la junaj gelernantoj, kiuj estas ornamo ĉe la nunaj kursoj kaj garantio por estontaj laboroj. Ili estu indulgemaj ĉar hodiaŭ, eksterkutime, mi babilis kiel grumblema filozofo. Sed... komprenu, mi statas sub influo de la gripo, kun kaptuko ĝis la oreloj, fulardo ĉirkaŭ la kolo kaj dika mantelo, de la ŝultroj ĝis la piedoj. Mi ja scias, ke mia ŝatata amiko D-ro Herrero estus veninta, ĉe la unua voko, ĝis mia fora dometo en la arbaro; sed ankaŭ mi scias, ke tro superŝutata li estas de kuraca laboro, pro la gripa invado, tie mem en la urbo. Tial, mi ne ĝenos lin! Kaj preta plenumi la taskon, spite al ĉio, kun la helpo de obstina volo kaj... bonkvalita konjako, mi svingas krajonon, pretigas foliojn el glata papero kaj, inter tuso kaj ternoj, jen mia raporto, unua en la tria jaro de nia plena kolekto:

Al Ameriko mi direktas unue la okulojn; AMERIKA ESPERANTISTO, kiel ĉiam, en formo de luksa broŝuro, detale informas per trafaj artikoloj en angla lingvo pri la movado en Usono kaj pri oportunaj demarŝoj en la sidejo de U. N. O. En raporto pri la Pariza Kongreso, oni skribas: «Ni, kiel laborabeloj de Ameriko, provizis nin je tablo kun afiŝo ***Nord-Ameriko.*** Proksime al la pordo, en bona situacio, ni sidis por saluti samideanojn kaj por montri la ***mielon*** de la nord-amerika movado». BRAZILA ESPERANTISTO estas loga revuo, kvazaŭ reklamilo de vojaĝoficejo, ĉar ĝiaj paĝoj estas ornamitaj per belaj vidaĵoj. En ĉi tiu numero, kiun mi legas, aperas pliaj oficialaj decidoj, laŭ koncernaj dekretoj, favoraj al nia lingvo. Ankaŭ estas kroniko je honoro de S-ro Coutinho kaj Gomes Braga, bravaj pioniroj de la tiea movado; mi ne volas ne pinĉi jenajn vortojn: «Al S-ro Gomes oni demandis: Ĉu S-ro Coutinho parolas en Esperanto, tiel flue kiel vi? Kaj nia samideano respondis: Eble ne, ĉar li pensas antaŭ ol paroli, dum mi preferas pensi nur poste...» El fundo de mia koro sincere mi gratulas tiujn malproksimajn fervorulojn! LA SUNO estas titolo de literatura kaj vegetarana revuo, ampleksa kaj bela, kiu aperas en Argentina urbo La Plata; kvankam plejparte en hispana lingvo, ĝi dediĉas abundajn paĝojn al Esperanto, eĉ komplete koncizan kurson. Vere, ĝi estas en vastaj rondoj utila propagandilo. Antaŭ ol reveni al Eŭropo, mi deziras saluti plenĝoje la reaperon de japana veterano. Jes, OOMOTO, la malnova kolego, organo de la Universala Homama Asocio, denove disvastigas siajn altajn idealojn inter la esperanta familio. Mi deziras plenan sukceson al ĝia nobla strebado! Jam en nia kontinento, estas ĝojo prezenti la nomon de ESPERANTA FINNLANDO, kiu de multa tempo min ne vizitis; la fronta paĝo aperas kun funebraĵo pro la morto de profesoro-doktoro G. J. Ramstedt, unua finnlanda samideano, kies devizo estis: Unu vivo, unu servado! Ĉi tiu numero estas speciale dediĉita al la koopera movado de la simpatia lando. Jen, jen denove inter ni ESPERANTO EN SKOTLANDO, sprita frontpaĝa artikolo de R. Rossetti «Vivu la Angla Lingvo!» instruas kaj amuzas samtempe; ĝi diras en la komenco: «Viro renkontis

foje amikon, kiu ĵus revenis de libertempo en Francujo: «Ĉu vi havis multe da malfacilo kun via franca lingvo?» li interesiĝis. «Tute ne!» respondis la alia. «Estis la francoj, kiuj kavis la malfacilon kun ĝi!» Analoge mi supozas, ke la francoj, kiuj redaktas la anglalingvajn anoncojn por niaj turistoj, spertas ĉe tio nenian malfacilon kun la angla lingvo. Sed al ni, la teksto de tiuj anoncoj faras, se ne malfacilon, almenaŭ sufiĉe da amuzo». Sekvas kurioza vico da eraroj, kaj la artikolo tiel finiĝas: «La angla lingvo, kiel ĉiu nacia lingvo, estas esprimilo de aparta ekonomio kaj vivmaniero. En sia kadro, ĝi estas verŝajne la plej taŭga instrumento, sed se ĝi iras ekster tiu kadro, ĝi tuj komencas montri siajn mankojn. La internacian rolon ni lasu do al la internacia lingvo, kiu —fleksebla kaj mirinde esprimpova— kapablas perfekte plenumi tiun taskon. La angla lingvo restu, laŭ sia destino kaj karaktero, lingvo nacia. Kaj, vivu la angla lingvo!» Interesa, ĉu ne? En HEROLDO DE ESPERANTO, la ŝatata granda frato, estas grava artikolo de S-ro Teo Jung sub titolo «La Milionoj volas la Pacon» en kies komenco, oni legas: «La milionoj, tio estas: vi kaj mi, viaj kaj miaj fratoj kaj fratinoj, niaj parencoj kaj geamikoj volas la Pacon». SCIENCA REVUO tute honeste plenumas sian rolon de fakdelegito de nia movado en la sciencaj medioj. Cetere, inter pure teknikaj artikoloj, aperas resumoj tre interesaj eĉ por la ĝenerala publiko. Mi diras nur la titolon de unu el ili: «Ĉu vivo ekzistas ie en la Universo, krom sur la Tero?» LA JUNA VIVO daŭre kaj regule aperas. La redaktoroj konscias serioze pri sia respondeco havigi taŭgan materialon al komencantoj. FRANCA ESPERANTISTO sin garnas per belaj literaturaj fragmentoj, versoj, interesa kolekto de francaj esperantigitaj proverboj kaj bonega, plej trafa, gramatika angulo. En la numero, kiun mi trarigardas, estas kompleta paĝo por rubriko «El la Esperantista Gazetaro», kie amiko Avo oficas en okupo simila al tiu mia. La franca ESPERANTISTA LABORISTO, kiel servo de la Esperantista Sindikatano, kun renovigita obstino, montras la utilon de nia lingvo, interne mem de la labor-taĉmentoj. Ho, kia fervoro, tiu de amikino Robineau! Ankaŭ de Parizo alvenas LA FOLIETO, freŝa kaj vigla bulteneto de kelkaj junulaj parizaj grupoj, kies tre bone aranĝitaj planoj sukcesas, ne nur pliviglígi la enhavon de tiu revueto, sed ankaŭ —ho potenco de la juna ardo!— stimuli ĉe mi la efikon de la konjako, por doni decidan baton al la ĝena gripo, kiu dum kelka daŭro vulgare difektis la humorojn de via humila tre fidela servanto

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

**INTERNACIA KONKURSO, 1950, DE U. E. A.**

## LA 1ª PREMIO POR NIA LANDO!

**Jena letero flugis al ni kun sia agrabla sciigo, kiu certe estas instigo por sekvi, pli firme ankoraŭ, la vojon celitan!**

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
CENTRA OFICEJO
Heronsgate, Rickmansworth (Herts.) Anglujo

Hispana Esperanto-Federacio
Ruzafa, 7 - Valencia

10 Januaro 1951

Estimataj samideanoj:

Mi havas la plezuron sciigi al vi, ke Hispanujo gajnis en la Internacia Konkurso 1950, pri kiu vi sendube legis en nia revuo «Esperanto». Rezulte, via Federacio rajtas ricevi la premion, kaj mi hodiaŭ petis al S-ro Delfí Dalmau, ke li sendu al vi la sumon 800 pesetojn. Post ricevo bonvolu sendi al ni kvitancon, aŭ rekte aŭ pere de S-ro Dalmau.

Dankante al ĉiuj hispanaj samideanoj, kies bona laboro ebligis tiun kontentigan finon.

Plej samideane via

**CECIL C. GOLDSMITH**
SEKRETARIO

*Pli elokvente parolas nun la faktoj ol plej zorge elektitaj vortoj. Tial, gratulante nin mem, ni esprimas elkoran gratulon kaj dankon al la fervoraj kaj modestaj membroj de nia Federacio, kiuj ebligis per sia pozitiva agado, dum la konkuro, la unuan venkon de nia nacia organizo sur la internacia kampo.*

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● AUSTRIA.—En la Escuela de Brixen, y bajo el cuidado de su director, ha comenzado un curso de Esperanto, con asistencia numerosa y entusiasta. Dos profesoras de dicha Escuela son ya esperantistas, de cursos anteriormente celebrados.

«Cosmopolit», periódico de Imst (Tirol). publica asiduamente artículos en alemán, favorables a la lengua auxiliar, que son leídos con mucho interés.

● FRANCIA.—UNESCO ha publicado la «Declaración de expertos sobre el problema racial», de la que se está llevando a cabo su traducción al Esperanto, como medio de su mayor difusión universal y, por lo tanto, para una mayor eficacia.

● HOLANDA.—«V. V. V.-Nieuws», la revista del Sindícato de Iniciativas turísticas de Brabante del Norte, publica artículos con traducción en francés e inglés, pero tiene a gala el publicarlos también en Esperanto. Merece hacerse resaltar que emplea el idioma auxiliar para las traducciones de las poesías regionales, como en el número de Diciembre-Enero, llegado últimamente a nuestras manos y que es un alarde editorial.

● ITALIA.—En este país se observa gran aplicación del idioma internacional en las relaciones exteriores y últimamente se ha editado en Esperanto un folleto sobre la ciudad de Verona, dando datos muy útiles al turista.

● NORUEGA.—Durante este invierno se han organizado varios cursos de Esperanto, a cargo de profesores extranjeros: la señora M. Handebine en Oslo, Dradmmen y Trondhem; el doctor A. Mildwurf en Hagesund y otras poblaciones del oeste; y el señor Tiberiu Morariu en Narvik y Troms, cuyos diarios locales han publicado artículos laudatorios de la lengua auxiliar. «Folkets Brevskole», escuela por correspondencia, subvencionada por el Estado, ha introducido el esperanto en su cuadro de enseñanza.

● SUECIA.—En la Universidad de Uppsala tiene lugar un curso, dirigido por el Rector, profesor K. Soderberg. ¡Un éxito más, entre los muchos ya logrados!

● SUIZA.—Desde Noviembre, el periodista egipcio señor Tadros Megalli está llevando a cabo en este país su serie de charlas en pro de la lengua auxiliar, prosiguiendo su viaje por Europa. La Comisión Organizadora del Congreso Mundial por un Parlamento Universal (días 30 Diciembre a 4 de Enero) aceptó el uso del Esperanto, como una de las lenguas oficiales de debate y publicaciones.

● ESTADOS UNIDOS.—«U. S. Congresional Record», boletín oficial del Congreso americano, sucesivamente publica referencias al Esperanto al transcribir los discursos de los parlamentarios. Así, en 1947 por la mención del demócrata C. Jaspar Bell, de Missouri; en 1949, las del senador demócrata Millard E. Tydings, de Maryland, y del republicano Karl Stefan, de Nebraska; y en 1950, del representante demócrata Clement J. Zablocki, de Wisconsin. La prensa en lengua no inglesa se hace eco del movimiento esperantista mundial; por ejemplo: «Staats-Zeitung», de Nueva York y «Abendpost», de Rochester (N. Y.), alemanes; «France-Amérique», francés, y «Nordisk Tidende», noruego, ambos de N. York.

● BRASIL.—Por nuestras propias informaciones ya se sabe que el Departamento de Educación de Rio Grande del norte ha autorizado la enseñanza del Esperanto en todas las Escuelas del Estado. Con razón se dice que, en América, el Brasil continua a la vanguardia del movimiento esperantista por los constantes apoyos oficiales que recibe. En Petrópolis se ha inaugurado una nueva sala de espectáculos con el nombre de «Cine Esperanto».

● ARGENTINA.—Cursos se están celebrando en Buenos Aires, Rosario de Santa Fé, Necochea y Bellville; con lo que está tomando un gran impulso el Esperanto.

---

## XII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

**28 - 29 - 30 de Julio de 1951 en TARRASA (Barcelona)**

**Ya se ha cursado la correspondiente solicitud a la Superioridad para que se conceda la debida autorización a esta importante Asamblea nacional en la que tan interesados estan todos los esperantistas españoles, muchos de los cuales ya han prometido su asistencia personal.**

**En espera del buen éxito de las gestiones oficiales y hasta el momento de empezar a dar la relación de los primeros adheridos, recordamos a todos —con seis meses por delante— la frase que ha de ser, con ritmo y entusiasmo creciente, nuestro lema hasta entonces:**

**¡Todos a Tarrasa, para saludarnos y conocernos, en el XII Congreso Español de Esperanto!**

# POR LA HISTORIO DE LA ESPERANTAJ VORTOJ

## IV - La hispanismo KOĈENILO

Koĉenilo estas laŭ P. V. insekto, el kiu oni ekstraktas bele-ruĝan koloron. Sed tiu insekto povus esti la kermo, kiu vivas ĉe kverkoj; krome la koloron oni eligas el la koĉenilino. Pli precize, koĉenilo estas: insekto el la homoptera ordo, kokida familio, devena de Meksikio, kaj el kies inoj pistitaj oni eligas belan ruĝan koloron: la karminon; jen genro zoologia de insektoj koleopteraj, kies korpo duonsfera estas punktata. La eltrovinto de tiu insekto homoptera produktanta ruĝon estis la hispano Hernando Kortes en 1519, kiam li alvenis Meksikion. Ĉi tie la indiĝenoj nomis la besteton **chahúistkle,** kaj ili uzis la koloron por tinkturi la mantelojn de siaj imperiestroj kaj de siaj ĉefpastroj, por pentri meblojn reĝajn aŭ religiajn kaj por desegni historiajn kodeksojn. Kortés kaj liaj soldatoj nomis la eltrovitan besteton **cochinilla,** diminutivo de **cochina,** porkino, nomo devena de **cocho,** latine **coctus,** kuirita, stato ideala de porko aŭ porkino por ties mastro. Oni nomis ĝin tiel, ĉar la besteto similas al globeca porkino; la hispanismo sukcesis internaciiĝi: angle **cochineal,** france kaj germane **cochenille,** itale **cocciniglia,** portugale **cochenilha,** pole **koszenila,** ruse **kodzenile,** kc. Kiam Zamenhof faris sian fundamentan vortaron, li akceptis la hispanismon kaj skribis ĝin per la konata formo. Nur Lineo nomis ĝin koko, **Koko-kakta,** kvankam oni internaciigis science la hispanismon por la alia insekto koleoptera.

Nia koĉenilo, la insekto homoptera, estas 2-3 mm. granda. La koĉenilino estas diketa, senflugila, kun pikilo kiel rostro per kiu ŝi truigas la dikan folion kaktakan de la nopalo, por sin nutri parazite el ĝia suko. Kiam ŝi paŝiiĝas, ŝi vestas blankan fianĉinan vualon, kiu ŝajnas sukero, promesantan dolĉan proksimiĝon. La koĉenilviro havas flugiletojn, kiuj estas uzataj prefere por serĉi altiran, diketan inon, flirti ĉirkaŭ ŝi, karesi ŝin aerume, danka ĝentileco en tropika lando, kaj volupte fekundigi la svenan, treman koĉenilinon. Ŝi gravede ŝvelas dum ok tagoj, sed poste, ho ve, la serĉantoj de karmino, kiuj preferas koĉenilinojn virgajn aŭ negravedajn, kaptas kaj pistas ŝin, por produkti kun aliaj la kolorilon. La koĉenilviro, dume, flugas, flugadas, fastas kaj mortas, kiel pasia subjekto de karakterize romantika romano.

La hispanoj, kiel la prameksikanoj, neniam dubis, ke la koĉenilo estas besto; sed dum multaj jaroj, en Eŭropo, oni kredis ke ĝi estis frukteto kun tre ruĝa pulpo. Tiel, dum jarcentoj, en la farmacikodo oni nomis ĝin "Sem. koĉinela", ĝis 1703 kiam Minheer vidis ĝin mikroskope. La hispanoj lernis de komence, ke la nopalo, kun floroj kaj fruktoj ruĝaj, estas kapabla ruĝigi ne nur tiajn malgrandajn bestetojn, sed la homojn mem: iam, la unua de novembro de 1519, 400 hispanaj soldatoj kun Kortes kaj 4000 indianoj el Tlaskalo eliris el Ĉolulo inter grava mortigado, por aliri Meksikion; jam en la kamparo, ili matenmanĝis abunde fruktojn de nopalo, similajn al figoj, sed ruĝebrilajn interne kiel granato; ili estis plezuro por la vido kaj ĝuo por la gusto. Ĉiuj sategiĝis. Poste marŝis. Dum haltado, ĉiuj profitis la okazon por urini, sed —ĝenerala ekkrio— ili urinis... sangon. La hispanoj timegis intestan krevon, pro la stranga matenmanĝo, aŭ pro dia puno al pasintnokta mortigado, aŭ pro ia efika malbeno de indiĝenaj sorĉistoj... Sensacio, teruro, timegego! La konkero de Meksikio ŝanceliĝis dum tiu horo. Poste kelkaj soldatoj rigardadis la indianojn, kaj surprize ili vidis similruĝan elfluon. La indiĝenoj ridis antaŭ la stranga ekzameno. Ho, ja, la sangoŝajna eliĝo estiĝas nur pro la manĝo de la nopala frukto. La ruĝo estas reĝa koloro: karmino, skarlato, punco, grenatkoloro, purpuro estas de ĉiam uzataj aŭ serĉataj de imperiestroj, kardinaloj kaj altranguloj, ne nur por kolorigi iliajn mantelojn, sed por signi aŭtografe dokumentojn. Tiel la koĉenilo, ĵus elkovrita, estis tiom estimata kiom siatempe la purpura molusko. Kortes sendis ĝin al Hispanio, kaj la tiea registaro monopoligis ĝian uzadon, dum du jarcentoj kaj duono; en Valencio kaj Barcelono, la karmino estis uzata por kolorigi ŝtofojn, en Italio por fabriki belruĝan vitraĵon. Tamen, malgraŭ la penoj kaj punoj —je morto eĉ— kontraŭ la eksterleĝa eligado, la franco Thierry de Menonville forportis koĉenilon de Oahako al Sankto Domingo, kie ĝi prosperis; kaj tiel li sukcesis sendi barelon el karmino al Parizo, kie oni uzis ĝin por ruĝigi la flagon de la unua respubliko. Pli malfrue, germano alveninta Meksikion kun Maksimiliano, sendis koĉenilojn kaj karminon al sia samlandano K. Liberman; kaj el tia sendo li elpensis la alizarinon, bazo de la anilinoj kaj komenco de la fino de la triumfa regado, dum jarcento, de la koĉenilo.

Sed la hispanismo restis internacia, ĉe nia Fundamento Zamenhofa.

**AZOR**

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## TESORERIA

BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1950

ENTRADAS

| | | |
|---|---|---|
| Existencia en Caja en 1.° de Enero de 1950 | | 42'45 |
| Cuotas de socios 1948 (atrasos) | 25'— | |
| » » » 1949 (atrasos) | 328'— | |
| » » » 1950 | 6.418'50 | 6.771'50 |
| Donativos | | 1.429'— |
| Venta de insignias | 1.101'— | |
| » » libros | 1.555'50 | |
| » » ejemplares sueltos del Boletín | 1.570'— | 4.226'50 |
| Suman los ingresos | | 12.469'45 |
| DEFICIT | | 1.163'15 |
| Igual a la suma de gastos | | 13.632'60 |

SALIDAS

| | | |
|---|---|---|
| Compra de insignias | 900'— | |
| » » libros | 1.234'10 | 2.134'10 |
| Asignación auxiliar Secretaría | 1.800'— | |
| Material y gastos Secretaría | 1.059'50 | 2.859'50 |
| Edición del Boletín | 7.596'— | |
| » de suplementos | 224'— | |
| Fajas y gastos envío | 819'— | 8.639'— |
| Suman los gastos | | 13.632'60 |

Valencia 31 de Diciembre de 1950
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
El Tesorero,
FRANCISCO ROGLÁ

---

## SECRETARIA

Según votación directa entre todos los asociados, efectuada mediante papeletas recibidas hasta el día de la fecha, han sido elegidos por gran mayoría, para cubrir los cargos directivos vacantes, los siguientes señores:

| | | |
|---|---|---|
| Presidente | — **D. Daniel Lloréns Sastre** — | Valencia |
| Vice-Presidente | — **D. José Anglada Prior** — | Barcelona |
| Vocal 1.° | — **D. José Guzmán Guzmán** — | Valencia |

También han obtenido votos, para el cargo de Presidente los señores: Rafael Herrero y Juan Bosch; y para el de Vice-Presidente, los señores: Valentín Alavedra, Amado Pons y Mariano Solá.

De acuerdo con las vigentes disposiciones legales, los señores elegidos tomarán posesión de sus cargos respectivos, una vez que la Superioridad haya dado la debida conformidad al nombramiento.

Valencia a 15 de Enero de 1951
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
El Secretario,
VICENTE SANTAMARIA

# Ricevitaj Libroj

KISO DE LA REĜINO, de I. F. Naĵivin.-Tradukita de D. Staritsky.-N-ro 10 de la EPOKO-serio: Prezo; 3ŝ. 9p. afranko 3p.-Eldonita de The Esperanto Publishing Company Ltd. - Aĉetebla: pogrande ĉe The Esperanto Publishing Co. Ltd. podetale ĉe enlanda libroservo aŭ rekte ĉe U. E. A.

Sur la emajlon de blanka rombo, inter verda fono de kutima kovrilo, la konata eldonejo metis logan nomon por la deka volumo de sia serio. En la unua momento, tiel romantika titolo vekas pensojn pri luksaj haloj aŭ spegule brilaj salonoj de reĝa palaco kie, inter dancoj kaj muziko, flirtas vortoj de amo kaj susuroj de konspiro. Sed malferminte la libron, jam per la sorĉo de la unuaj linioj, la leganto estas transportata, dum «blindige brila tropika mateno», en la impona kaj libera medio de la vasta Kongo, meze de Afriko, en kies sovaĝejoj «ĉiuj specoj estas intermiksitaj, kaj ĉio brilas en la hela suno, ĉio lumas, tremetas per ia mistera kaj belega vivo», ĉar «tropika arbaro estas tiu paradizo, el kiu estis siatempe forpelita la maltrankvila homo, kaj al kiu li sopiras nun denove». Kaj se fortikaj baobaboj kaj graciaj palmoj, anstataŭ marmoraj kolonoj, subtenas kaj formas la naturajn volbojn de majestaj haloj, tra la teritorio de primitive naivaj gentoj, tie mem ankaŭ floras kaj pompas ardaj pasioj, brulantaj malamoj kaj tre sindonemaj oferoj, eĉ de bela indiĝena reĝino, kiel kvalitoj komunaj al ĉiuj homoj senescepte: blankaj aŭ nigraj...

Kun granda intereso kaj aparta ĝuo, oni legas do la rakonton de I. F. Naĵivin, kiu sciis lerte priskribi, laŭ oportuna sinsekvo, drastajn epizodojn kaj amuzajn scenojn, kiel ekstremajn kontrastojn por pli bone dorloti, per delikata prozo, la superan poezion de la Amo: «tiu fabelo, kiu mortos nur kun la lasta estaĵo, eterne juna, eterne superinteresa...» Krom tio, kelkaj malagrablaj faktoj de la kolonia problemo aperas sen vualo, kun tre objektivaj opinioj.

Pri la fideleco de la traduko, rilate la originalon, mi ne povas juĝi, komprenebla; sed la lingvo de D. Staritsky estas flua kaj facila, agrabla kaj bela, kun stilo ege klara kaj tute ebena. Tamen, konsciante pri mia rolo de prokuroro, mi volas atentigi nun pri kurioza, kaj nepre erara, apliko de la vorto *korespondi* en la frazo: «al ĉiu kilometro de la konstruita fervojo *korespondas* kvin tomboj». Ankaŭ ŝokas la ofta kaj insista uzo de *riĉani* kaj *alriĉani* en senco, kiun neniel ankoraŭ mi sukcesis deĉifri. Sed ĉi tiuj subtilaĵoj dronas en la ĝenerala fluo de freŝa lingvaĵo, per kiu oni povos frandi interesan enhavon; kio rajtigas min varme rekomendi la libron al ĉiuj seriozaj amikoj de nia tutmonda literaturo.

**LUIS HERNANDEZ**

---

INTER SUDO KAJ NORDO, *de D-ro Ferenc Szilágyi, membro de la Akademio, kolekto da originalaj rakontoj, kelkaj konsidereblaj kiel mallongaj romanoj pri pli-malpli realaj temoj.* 185 paĝoj. Bindita en t. n. «Integral» kovrilo, formato 13x19 cm. *Prezo 7.75 sv. kr. Eldonis «Eldona Societo Esperanto» Fack 19071, Stockholm, 19 (Svedujo) al kiu oni povas fari la necesajn mendojn.*

La fama hungara verkisto, akademiano kaj bona stilisto, prezentas al la esperanta legantaro bukedon da interesaj rakontetoj, eĉ romanetoj, en bele bindita 185-paĝa libreto, bone presita kaj preskaŭ sen eraroj.

La aŭtoro, kvankam vera majstro de la lingvo, ne ĵonglas malavare en la vortaro, kiel aliaj samlandanoj, kaj donas ĉiam la impreson de natureco, eĉ en la psikologiaj flankoj de siaj priskriboj, kiuj abundas eĉ en la knabecaj aferoj.

Ĉefe interesaj estas la rakontetoj pri restado de hungaraj rifuĝintoj en Svedio, post la lasta mondmilito.

Salutinda kaj gratulinda estas la daŭra aktiveco de la grava sveda eldonejo, kiu eldonis entute pli ol 1/2 milionon da ekzempleroj de valoraj libroj kaj jam diskonigas la tujan aperon de internacie famiĝinta priskribo pri la «Ekspedicio Kon-Tiki» kiel sekvanto en la vico, post apero de ĉi tiu interesa kolekto de doktoro Szilagyi; kolekto nepre havinda de ĉiu bona esperantisto: unue, por gustumi ĝian enhavon kaj, due, por bele garni la bretojn eĉ de jam abunde provizitaj bibliotekoj.

**R. HERRERO**

---

# ☆ LA LERNEJO

## PRILINGVA RUBRIKO

La lernejo transformiĝas kaj, komence de la nova jaro, eniras novan epokon, ĉar la lernantoj finis sian unuan kurson kaj estas pretaj komenci la duan kurson, en kiu ili jam kapablas kompreni, kiam oni parolas al ili en Esperanto. Do, la kursgvidanto jam povas sin turni al ili en la internacia lingvo. Sed, ĉar ili ankoraŭ estas lernejanoj, la lingvo uzota devas esti simpla, klara kaj facila. La instruisto devas tre zorge atenti pri sia parolo, tiel ili tre bone komprenos ĉion, kion li deziras meti en ilian kapon. Sekve, mi forlasas la hispanan lingvon kaj prenas Esperanton por min dediĉi al miaj lernantoj, kun la sama preteco kiel antaŭe, kun la sola celo respondi iliajn gramatikajn demandojn, aŭ verki lingvajn facilaĵojn, kiam tiuj demandoj ne alvenos. Do, ĝis la venonta monato!

JUAN BOSCH



## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a ENERO 1951)**

| | | |
|---|---|---|
| Ramón Torres-Carreras (Barcelona) | 25 | ptas. |
| Manuel Manteca (Tembleque) | 20 | » |
| Guillermo Bosch (Valencia) | 25 | » |
| Manuel Real (Reus) | 5 | » |
| Emilio Albalat (Valencia) | 10 | » |
| José Orós (Zaragoza) | 10 | » |
| P. Félix de Valois Arana (Santa Isabel) | 10 | » |
| Angel García (Bilbao) | 5 | » |
| José Vigo (Martinet) | 8 | » |
| Antonio Sánchez (Callosa de Segura) | 10 | » |
| Isauro Alvarez (Madrid) | 15 | » |
| Total | 138 | » |

**Buen principio de año. ¡Muchas gracias... y adelante!**

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socio de número ... | 15 | ptas. | anuales |
| Socio abonado.. ... | 40 | » | » |
| Socio protector... ... | 75 | » | » |

**Las dos últimas categorías tienen derecho al Boletín**
**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto aŭ unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

**Angel García**, Torre-Urizar, 12, Bilbao, deziras korespondi kun ĉiuj landoj, kaj precipe per i. p. kaj interŝanĝi p. m.

**Cooperativa de Tejedores a Mano** Sección de Cultura, Esperanta Grupo, Teruel, 26, Barcelono. Por divastigi Esperanton oni bezonas leterojn kaj i. l. p. k.

## JAPANIO VIN VOKAS!

**Profitu la okazon por havi rektajn rilatojn kun la bela malproksima lando de la krizantemoj**

S-ro Haruja Maekaŭa, No. 451, Sakaeĉi, Niŝi, Amagasaki-ŝi. 20-jara fotografkompostisto; pri uzitaj poŝtmarkoj kaj popolvivado.

S-ro Masanobu Takemura, No. 21, Irie, Ueda, Naruo-muro, Muko-gun, Hjoogo-ken. 14-jara liceano de la Liceo de la Kansei-Gakuin Universitato; pri edukada sistemo, kutimo kaj moro, literaturo, sporto kaj muziko.

F-ino Kurako Nokihara, No. 113, Oogane, Ŝimokaŭarabajaŝi, Niŝinomija-ŝi. 28-jara instruistino de elementa lernejo; pri muziko, literaturo kaj edukado por infanoj, kun geinstruistoj.

S-ro Tacuo Katamune, ĉe Sankoo-ĵuku, No. 14, Uatase, Naruo-mura, Muko-gun, Hjoogo-ken. 26-jara medicinekzercisto de la Hospitalo de Osaka Universitato; pri sporto kaj muziko.

S-ro Joŝiaki Higuĉi, No. 102, Seidoo-ĉoo, Aŝija-ŝi. 10-jara lernanto de elementa lernejo. pri infanaj kaj lerneja vivado, poŝtmarkoj.

F-ino Joŝiko Fuĵiŭara, No. 103, Juba-ĉoo, Niŝinomija-ŝi. 26-jara. pri muziko, bildo-libro, edukado por infanoj, socia entrepreno aŭ sociala helporganizo por malbonaj infanoj kaj infanavaguloj.

S-ro Takaŝi Tooĵo, No. 35, Mijaniŝi-ĉoo, Niŝinomija-ŝi. 16-jara studento de la Urba Kolegio Niŝinomija; pri studenta vivado kaj poŝtmarkoj.

S-ro Ĵunzo Ikesita, No. 3, Taĉibana-dori, 6, Nisinariku, Osaka, deziras interŝanĝi poŝtk. let. kaj presaĵojn, kun hispanaj gesamideanoj.

Cantos Hnos., Impr.-Valencia - Tel. 30444